51a Jaro — N-ro 2 — Marto Aprilo 1959a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a

★

Abonprezo : Fr. 100,-

# Ĉu vere sesdekjara?

En 1917, — dum la unua mondmilito —, nia Direktoro kaj Liga Prezidanto ekstudadis ĉe la Komerca Altlernejo de Antverpeno. Kaj, je la sama momento la tiam 30-jara S-ro Frans Schoofs akiris la permeson tie gvidi eksterprograman liberan elementan kurson de Esperanto.

Tiel ekkomencigis grava esperanto-kariero ankoraŭ nun plenplenan, kaj kiun, je tiu momento, verŝajne antaŭvidis, nek la profesoro, nek la juna studento, kiu nun baldaŭ iĝos 60-jara!

S-ro Maurice Jaumotte efektive naskiĝis, — ankoraŭ en la antaŭa XIXa jarcento — la 5an de aprilo 1899 en la flandra urbo Antverpeno, sed de valona patro.

Kaj estas eble tiu dueco en li : lia valona deveno kaj lia longa intima kunvivado kun la flandroj, kun kiuj li identiĝis, kiu vivigis en li tiun specialan personecon, iom strangan, bataleman kaj samtempe pacigeman; ĉiam laboreman kaj samtempe laborigan ; organizeman kaj samtempe gaje senzorgeman, kiu daŭre surprizigas tiujn kiuj aŭskultas lin, kiam li paroladas dum kongresoj aŭ gvidas administrantarajn kaj grupajn kunsidojn kaj, per sia ĉie konata laŭta voĉo, kun sia vivemo kaj eksterordinara moviĝemo de la trajtoj kaj de la voĉnuancoj, vole nevole kaptas ĉies atenton.



**Prezidanto Maurice Jaumotte.**

Sed, — kiel akcentis antaŭ du jaroj diversaj oratoroj okaze de la festoj de lia 30-jara prezidanteco de la Antverpena Grupo « La Verda Stelo —, la jubileinto kaj rea jubileanto ne estas nur agrabla oratoro. Li, en nia lando, estas ankaŭ ĉampionego de la plej diversaj funkcioj plenumitaj kaj ankoraŭ plej grandparte plenumataj en la loka, nacia kaj internacia movadoj.

La cito de tiuj ĉi funkcioj nur tre malgrandparte donus ideon pri la efektiva laborkapablo kaj dinasmimo de tiu ĉi homo, kiu neniam en la konversacio misterigis sian aĝon ... Sed pri kiu tamen, kaj malgraŭ tio, ĉiu emas dubi, ĉu li eble pro kutimo ne ŝercas iom fanfarone citante ĝin !

Ni kaptas la okazon de tiu ĉi sesdeka datreveno de lia naskiĝo por deziri al nia Direktoro kaj Liga Prezidanto, daŭrigon de lia bona sanstato, ankoraú longan feliĉan vivon en familia kaj amika rondo kaj ankaŭ fruktedonan laboradon favore al nia movado ĝenerale kaj, — en plej tuja instanco —, por la Universala Kongreso de proksima jaro, por kies organizo li ne hezitis unu minuton preni la respondecon kiam, pasintjare en Rotterdam, la estraro de U.E.A., petis lin ekzameni la eblecon pri ĝia organizo.

Li ankoraŭ longe vivu !

B. E.

## MEMORAĴOJ PRI LA MAJSTRO EN VARSOVIO.

Sub la titolo " Varsovio, lulilo de Esperanto ", aperis en " Heroldo " artikolo skribita de Ludwik K. Zamenhof, la nepo de nia Majstro, kiun multaj konas pro lia ĉeesto de Universalaj Kongresoj, i.a. ankaŭ la lasta en Mainz.

Parolante pri memoraĵoj pri nia Majstro, en Varsovio, li citas la Tombon de la Majstro " mirakle ŝparitan de la milita torento, kiu rememorigis kaj rememorigas ke tiu-ĉi urbo estas la lulilo de nia movado, ke tie la Majstro vivis kaj laboris, esperis kaj suferis kaj mortis des pli tragedie, ĉar vidante la plej karan idealon de sia vivo droni en la fluo de sango dum la unua mondmilito. "

Kaj la aŭtoro daŭrigas :

" Ne restas bedaŭrinde pli da materiaj memoraĵoj de la Majstro en Varsovio. La Zamenhofa strato, kie li loĝis (kaj kie ankaŭ tute hazarde loĝas nun mi), ne memorigas per ia ajn detalo la aspekton posedita en lia tempo. Tiu strato havas sian tragedian historion. Ĝuste ĝi fariĝis, dum la tempoj de malestimo de homa indeco, la kalvaria vojo de la juda popolo : tra ĝi oni kondukis la amasojn da sendefendaj homoj al la vagonoj de morto. Post la juda ribelo, ĉiuj domoj estis ruinigitaj ĝistere. Nun la strato estas parto de moderna urbokvartalo, kaj la novkonstruitaj domoj neniel similas al la tiama strato de juda malriĉularo. Ne ekzistas ankaŭ la domo ĉe la strato Krolewska, kie la Majstro loĝis dum la lasta periodo de sia vivo : ĝi bruliĝis senreste dum la sieĝo en 1939. Tiu domo estis ankaŭ la domo de mia infaneco, kaj ĉiuj miaj plej karaj infanaj rememoroj estas ligitaj kun ĝi. Fermante la okulojn mi vidas, kvazaŭ tio estus hieraŭ, la grandan kabineton kun rigardo al la Saksa Ĝardeno, kie ĉe la iama labortablo de mia avo laboris mia patro — sanktejon, kiun mi povis eniri nur post speciala permeso. Mi vidas la salonon, kies unu tuta flanko estis okupita per granda pentraĵo montranta Antverpenon, donacita al mia avo post la tiea kongreso. En tiu salono staris vitrita ŝranko enhavanta memoraĵojn : ordenojn, per kiuj honorigis la Majstron diversaj registaroj, kusenon kun enpikitaj insignoj de ĉiuj universalaj kongresoj, komencinte de Boulogne, diversajn manuskriptojn, fotojn, ktp. Krome la biblioteko enhavis preskaŭ ĉiujn publikigitajn Esperantajn presaĵojn, do estis preskaŭ Esperanto-muzeo. ".

Kaj Inĝ. Ludwik K. Zamenhof konkludas sian artikolon per la certigo ke la eksterlandaj esperantistoj venontaj al la kongreso povas esti certaj, ke " ili estos kore bonvenigataj ne nur de oficialuloj, sed ankaŭ de la Varsovia popolo, konata pro sia gastameco, bonhumoro kaj amikeco. "

### Parolado de nia Liga Prezidanto

**okazos en Gento, en la salono « Colombophile », dimanĉon, la 12an de aprilo, je la 11a h. pri « La Organizo de la 45a U.K. ». Ĉiuj samideanoj estas bonvenaj.**

**Je la 10a h. jam, S-ro M. Jaumotte renkontos la membrojn de R.B.L.E.**






## 44-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Varsovio — 1-8. augusto 1959

*Sub honora protektado de la*

*Ministro-Prezidanto de Popola Respubliko*

*JOZEF SYRANKIEWICZ*

### EL LA OFICIALA KOMUNIKO n° 4 (Januaro 1959)

**Fervoja rabato :** La pola Ministerio por Trafiko decidis doni al la kongresanoj 33 %-an rabaton fervojan ek de kaj ĝis la landlimo.

**Cseh seminario :** De la 29-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 1959 okazos en Varsovio, sub la aŭspicioj de la Universala Kongreso de Esperanto, Internacia Seminario por Cseh-metodaj instruistoj.

### El la " Oficiala Komuniko " N-roj 5 kaj 6 (Februaro kaj Marto)

**Fakkunvenoj :** Anoncas fakkunvenojn : Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, Internacia Geografia Asocio, Kristana Esperantista Ligo Internacia, Internacia Ligo Esperantistaj Instruistoj, Societo de Gefratoj, Veterana Esperantista Klubo, Universala Framasonaro, Kooperativistaj esperantistoj, Internacia Rondo de Arkitektoj.

**Akademio de Esperanto :** Ankaŭ en Varsovio organizos publikan kunsidon. Temo : " Diskuto pri Geografiaj nomoj ".

**Diservoj :** I.K.U.E. prizorgos Meson en la preĝejo de Nia Savinto (Pl. de la Savinto) kun prediko en Esperanto.

Kristana Esperantista Ligo Internacia okazigos protestantan diservon, dimanĉe, la 2an de aŭgusto en la preĝejo de la Sta. Triunuo.

Intereklezia Ekumenika Movado en Pollando okazigos esperantlingvan ekumenikan diservon en la preĝejo ĉe Kredytova str. 2/4.

**Libro pri Varsovio :** Ĉiu kongresano ricevos donace en la Kongresejo 240-paĝan riĉe ilustritan libron pri Varsovio.

**Kongresa Libro kaj programo :** La Kongresa Programo estos sendata al ĉiu kongresano unu monaton antaŭ la U.K. Sed la Kongresa Libro ne estos antaŭe sendata, sed disdonata.

**Revuo " Pollando " :** Ĉiu Kongresano ricevos senpage unu numeron de la reaperonta grandformata revuo en Esperanto " Pollando ".

**Tendumejo :** Kongresanoj, kiuj alvenos kun tendoj aŭ kun trendometoj kaj deziras tendumi dum la Kongreso, havos je sia dispono rezervitan lokon.

**Valutoj :** Ekzistas neniu limigo por importado de eksterlanda valuto en Pollanto. Ĉiu kongresano povos kunporti en libera kvanto kiun ajn devizon. Kurzo : 1 us. dolaro valoras 24 zlotojn. Do 1 zl. proks 2 b.fr.

**Statistiko** ĝis fino de februaro : 1.404 el 38 landoj (Pasintjare : 1091 el 31 landoj). Inter ili 728 poloj kaj 22 belgoj.

## 6a BENELUKSA ESP. KONGRESO

16-17-18 de majo 1958 – Haarlem

*La plej granda zorgo estas la tranoktado! La hotelistoj absolute ne kunlaboras. Tiuj, kiuj do deziras tranokti en hotelo, devas mem prizorgi tion. La L.K.K. volonte sendos liston da hoteloj kaj pensionoj laŭ peto. La situacio de la privataj adresoj estas pli bona. Le dividadon prizorgos V.V.V. Tio plialtigis la prezojn. Ili estas nun : f 5.50 plus 10o/o (malvarma akvo) kaj f 6.50 (malvarma kaj varma akvo).*

*Kompreneble estas ke tuja anonco estas rekomendinda.*

*Ni atentigas la partoprenontojn, ke la kongreskotizo nun estas f 6.*

*La preparoj por la programo progresas, sed ni ankoraŭ ne povas sciigi ion definitivan. La plena programo aperos en la kongresa libro.*

Bonvolu atenti la datojn de anonco.

*Por la kongreso estas 30/4*

Por la eskurso estas 15/3

Por la tranoktado estas 15/3

*Speciale por la ekskurso estas necese sin anonci antaŭ la findato.*





# Deklaracio pri Homaj Rajtoj

*Okaze de la 10 jara ekzisto de la „Deklaracio pri Homaj Rajtoj", ĉiuj grupoj memorigis la eventon, pri kiu ni presas ankoraŭ jenan artikolon :*

La lukto por homaj rajtoj estas tiel malnova kiel la homaro mem estas aĝa. Sed oni devas fari distingon inter simpla lukto por ke homoj vivu en hom-indaj cirkonstancoj kaj la ideologio de la homaj rajtoj. Por komprenigi tion, ni komparas kun la historio de la scienco. Ankaŭ la plej antikvaj prahomoj havis konojn ; malkovris teknikajn kaj spiritajn verojn, realojn. Do, estis scienco. Tiu scienco venis el la praktiko kaj havis kiel nuran celon la praktikon. Sed je iu momento, la antikvaj Grekoj komencis esplori sisteme, laŭ ordo, kaj engrupigi konajn akirajojn. Kaj ili praktikis sciencon por la scienco mem. Same kun la afero de la homaj rajtoj. Mi kredas ke la celkonscia agado por akiro de homaj rajtoj komenciĝis en la Renesanco-periodo (do 16a jarcento ; la 15a en Italujo) kun la revalorigo de la individua homo. Mi pensas precipe pri humanistoj kiel la Nederlandanoj Erasmus kaj Grotius (Hugo De Groot), kiuj tre forte akcentis la rajtojn de la individuo. Tiu agado iĝis intelektula movado en la 18a jarcento precipe dank'al la famaj Francoj Voltaire kaj J.J. Rousseau. Antaŭe ĝi ne estis ideologia luktado. La homoj luktis por siaj rajtoj kiel por akiri manĝajon kaj monon : por povi vivteni sin kaj plibonigi siajn vivkondiĉojn. Plie ; antaŭ la 16a jarcento la individuo ne havis grandan valoron. La kolektivo, la aro estis la unua valoro. Ĉio devis esti oferata por la komunumo. Se ni limigas nian superrigardon al sole Eŭropo, tiam ni vidas la unuan strebadon al homaj rajtoj ĉe la antikvaj Grekoj kiuj estis filozofoj, artistoj kaj scienculoj. Ĉe la morale plej altstaraj Grekoj la " Kalokagathio " estis la idealo de la vivkonduto (kalos : bela, kaj agathos : bona ; bela vivo = dediĉita al arto kaj scienco ; bona vivo = en kiu oni kuraĝe kondutas). Aristotelo diris ke tio estis por la Grekoj ebla nur se ekzistas sklavoj kiuj faras la laboron. Kaj kiam li vidis la unuajn teknikajn progresojn, li kredis ke la homaro ekiris la vojon al kompleta liberiĝo, ankaŭ de la sklavoj, ĉar finfine la maŝinoj faros ĉiun laboron. Post la Grekoj, tiu valortakso de la homa individuo malaperis kun la Roma imperio, escepte ĉe kelkaj pensuloj. Poste venis la Mezepoko. En la unua duono, la surtera vivo entute ne havis valoron ! La denova kontakto kun la materie pli civilizita Oriento, la rekresko de la komerco kaj la ekesto de la burĝa klaso tute ŝanĝis tion (precipe 13a jarcento). Mejloŝtono en la akiro de homaj rajtoj estis sendube la " Magna Charta Libertatum " (granda ĉarto de liberecoj) kiun la Angla reĝo Johano Sen-tero devis doni en 1215 post malvenko en la batalo kontraŭ la Franca reĝo Filipo IIa Aŭgusto. Tiu ĉarto akcentis precipe sendependecon de ekleziularo, nobelularo kaj firmigis la privilegiojn de la urboj. Sed ĝi ankaŭ akcentis kelkajn individuajn liberecojn : neniu libera homo povas esti malliberigata, ekzilata, senigata de po-

sedaĵoj se ne okazis post juĝo de liaj egaluloj, konforme al la leĝoj de la lando. (Ne aplikebla al la ne-liberaj homoj). En la daŭro de la 14a jarcento estis precipe la burĝa klaso de la urboj kiuj luktis kontraŭ la absolutismo de la regantoj kaj kontraŭ la " leĝistoj " (specialistoj pri Roma juro) kiuj teorie defendis la absolutismon.

Ni memoris la epizodon de Etienne Marcel en Parizo kaj lia anaro kiuj postulis forigon de la leĝistoj kaj starigon de konsilantaro kiu havu rajton ankaŭ leĝdoni. Por nia lando okupas gravan lokon en tiu historio la " Ĝoja Enveno " de la Luksemburga duko Venceslas kiam li iĝis duko de ankaŭ Brabanto (1356). Sed ankoraŭfoje, ne temas pri specife homaj rajtoj : jes pri detruo de absolutismo : ne frapi monon, ne deklari militon, ne fordoni terpartojn de Brabanto ktp sen permeso de " Ĝeneralaj Ŝtatoj " de Brabanto. Tamen en la **urbaj** ĉartoj oni trovas ne malmultajn punktojn kiuj rilatas al specife homaj rajtoj. Ekzemple en la ĉarto kiun donis Princ - Episkopo Alberto van Kuyk al Lieĝo (1194-1200) ni trovas i.a. tiun difinon : interne de la jurregiono Lieĝo estas malpermesite al skabenoj aŭ al iliaj agentoj eniri en iu domo . . . sen premeso de la loĝanto (eĉ se estas por aresti ŝtelinton !) ".

En Okcident-Eŭropo la unua granda reĝa dekreto pri grava homa rajto estis tiu de la Franca reĝo Henriko IVa en 1598 kiu proklamis liberecon de religio. Povas esti ke li dekretis tiel ĉar li mem estis tiurilate indiferenta. Ja, en aliaj aferoj li estis tute ne tiel tolerema ! Kiel jam dirite, estis ĉefe la deklaracioj 18 jarcentaj kiuj tutesprime akcentis la " homajn " rajtojn. Ankaŭ kiam temis pri reformo de ŝtato aŭ pri revolucio, ĝi estis pro homaj, individuaj konsideroj. En la manifesto de la 13 Anglaj kolonioj kiuj sendependiĝis de Anglujo fine de la 18a jarcento, ni legas : " Ni konsideras kiel evidentan veron ke la homoj . . . ricevis de la Kreinto certajn malforigendajn rajtojn i.a. la rajtojn ĝui la vivon kaj serĉi la feliĉon. Por garantii tiujn rajtojn, formis sin la registraroj, kiuj ĉerpis siajn rajtojn el la konsento de la regatoj. Ĉiufoje ke kiu ajn regado minacas detrui tiujn celojn, la popolo havas la rajton anstataŭi aŭ neniigi tiun regadon kaj starigi novan, bazitan sur tiuj principoj. "

La plej ampleksa kaj la plej bela de tiuj deklaracioj pri homaj rajtoj estas tiu de la Franca revolucio. Tio eble mirigas kelkajn de niaj legantoj kiuj verŝajne ĝis nun aŭdis nur abomenaĵojn pri kaj severan kondamnon de tiu revolucio. Sed tiuj devas ekscii ke fakte okazis du rapide sinsekvintaj kaj tute diferencaj revolucioj de kiuj la dua efektive dronis en krimoj kaj sangverŝado, dum ke al la unua partoprenis preskaŭ la tuta popolo. Tiu deklaracio de la komenco diskonigis la principojn laŭ kiuj oni agos : kaj flanke de la rajtoj estas ankaŭ la devoj akcentitaj en formo vere tre idealista. (ekz. : neniu estas bona civitano se li ne estas bona patro, bona filo, bona amiko ktp.)

Dum pli ol unu kaj duona jarcento, oni luktis por akiro de homaj rajtoj. La libereco estis unu de la grandaj idealoj de 19a jarcento. Oni povas diri ke la komenco de 20a jarcento estis la (mallonga) epoko de pleja libereco. En kelkaj ŝtatoj oni komencis



## EL LA FLANDRA POEZIO

### Dio amas min

ALICE NAHON (1896-1933)

Di' al mi diris, faru nun kanteton.
Mi diris, vana pen' !
Li volis ĉe mi resti kaj gvidis mian manon
mallertan, kiel panjo skribigas la infanon,
kaj kanto — jen !
Kaj kanto, jen el mano kreskis kiel
el majo herbtrunket' !
Antaŭ ol mi deziris pri semo kaj pri floro,
je kantoj por la homoj maturis mia koro,
do estis mi poet' !
Do iĝis mi poeto pro Digraco,
estante mem sen sci' —
anim-agace — pri la gravaĵoj, librosaĝo.
Kial min Di' elserĉis, mizeran sen kuraĝo,
por ĉi muzik-meti' ?
Ne scias mi, sed inter ĉiu kanto
homserva mia, sin
vorteto " kial " trovas — senbrila ĉena ero,
kaj mi komprenas nure pri dolĉa ĉi mistero,
ke Dio amas min.

trad. Hector VERMUYTEN.

---

principe malkonfesi tiujn rajtojn kaj ni vidis la terurajn rezultatojn. Estas tial ke la U.N.O., ege timigita pro tiu evoluo, sentis la neceson ree atentigi kaj akceptigi deklaron pri tiuj rajtoj sen kiuj la vivo vere ne estas vivinda. De diversaj flankoj oni krias al ni ke eĉ en landoj kiuj subskribis la deklaracion, oni ofte ne respektas ĝin. Kaj tio estas malfeliĉe tre vera. Oni diras ankaŭ ke multaj ŝtatoj transprenis morojn de la kondamnitaj reĝimoj. Kaj ankaŭ tio estas vera. Ĉu do ni estas en evoluo kiu iras al la kontraŭo de la homaj rajtoj ? Jam nun ? Ĉu tiuj rajtoj estis do tiel efemeraj ? Nur la estonto montros tion. Ni nur scias tion-ĉi. Se en kelkaj kazoj la situacio estas tiel malbonega aŭ kritika ke oni devas rapidege savi ĝin eĉ kun neglekto de rajtoj (kaj tiam tiaj situacioj fariĝas sole ĉar multaj individuoj grave neglektis siajn devojn), tio estas escepta kazo. Estas en la naturo kaj laŭ la digno de la homo ke li havu certajn rajtojn. Do, ni devas pristudi kaj konatigi tiujn.

Cetere, ni Esperantistoj, kiuj estas en la ebleco kontakti senpere la tutan mondan popolon, estas en plej favora situacio por ekscii la dezirojn kaj bezonojn de ĉiuj popoloj ; kaj per la Interna Ideo de Esperanto, ni emas plifeliĉigi ilin ĉiujn. F. R.

# BELGA KRONIKO

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

**Kun vera plezuro, ni ricevis el Kongolando la jenan ĝojigan informeton, cetere kun diversaj jurnaloj en kiuj aperis artikoloj pri Esperanto.**

**Ni ĝin volonte presigas antaŭ la raportoj de niaj enlandaj grupoj :**

STANLEYVILLE (Belga Kongo)

Nia samideano Jacques Verdier ne forgesas nian movadon. Li faris sukcesplenan paroladon pri Esperanto en amika rondo. Li aperigis artikolojn pri nia lingvo en « Le Stanleyvillois » de la 17a de Januaro 1959 kaj en la broŝuro « La vie à Stan » de la 7a de Februaro 1959. Korajn gratulojn !

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero: 726.54.

La 2an de januaro, la Prezidanto S-ro M. Jaumotte faris mallongan rerigardon en la jaron 1958an. Sekvis poste parolata ĵurnalo al kiu kunlaboris : S-ino R. Lecat kaj S.-roj L. De Marré kaj H. De Roover.

La 9an S-ro Roger Jaumotte, helpata de diversaj kunlaborantoj, plensukcese flegis distran vesperon laŭ sia speciala kaj tre amuza maniero kaj vekis viglan aplaŭdon post brila sukceso.

La 16an dum la ĝenerala jarkunsido la sekretario, S-ro J. Verstraeten, kaj la kasisto, S-ro R. Balleux, prezentis siajn raportojn. La Prezidanto alparolis la ĉeestantojn per fajraj vortoj, alvokante la verdstelanojn al streĉa laboro, precipe antaŭvide al la estonta U.K. en Bruselo. Li kore dankis siajn multajn kunlaborantojn kaj poste transdonis medalojn al la gejubileantoj de la grupo : S-ino Marg. Jaumotte kaj Ges-roj Aug. kaj Lucette Faes pro ilia 40-jara fidela membreco. Finfine S-ro L. De Marré, ĵus elektita kiel vic-prezidanto, dankis la Prezidanton per rimarkinda paroladeto.

Dimanĉon, la 18an en la renovigitaj salonoj de « Magnus », Prins Alebertlei, okazis la jara bankedo. Pli ol 50 membroj, inter kiuj grava delegacio el Bruselo, sidis ĉe bele ornamitaj tabloj kaj plen-apetite manĝis la bongustajn manĝaĵojn. Antaŭ la deserto, la Prezidanto S-ro Maur. Jaumotte alparolis la ĉeestantojn kaj varme alvokis ilin al la granda laboro por la U.K. en 1960a. S-ro R. Jacobs, prezidanto de la Brusela Grupo, gratulis kaj dankis pro la bela festeno kaj S-ino J. Plyson, vicprezidantino de R.B.L.E., ankaŭ diris afablajn vortojn honore de la grupo. S-ro J. Verstraeten toastis la sinjorinojn kaj fraŭlinojn kaj, por honorigi ilin simbole, transdonis florojn al S-ino Marg. Jaumotte. S-ro H. Vermuyten deklamis memverkitan, bonhumoran tekston kaj laŭtvoĉe estis kantata « La Kanto'n de la Verda Stelo » (teksto de F-ino H. Hofkens; muziko de S-ro A. Debacker).

La 23an, dum la solena diplomdisdono, kvin gelernintoj de la elementa kurso ricevis sian diplomon : F-ino Els Buysse, S-roj Jaak Hendrickx kaj Jean Verrept, S-inoj Maria Bresseleers kaj Denise Verrept. La Prezidanto alparolis ilin kaj F-ino E. Buysse kaj S-ro H. De Roover (nome de la gelernintoj de la jus finiĝinta Paroliga Kurso) laŭ sprita maniero dankis la profesoron, S-ron L. De Marré kaj transdonis belan donacon. Tiu ĉi lasta dankis kaj konkludis per trafa paroladeto. Dum la dua parto de la vespero, kabareta programo estis prezentata de diversaj gelernintoj : Ges-roj Verrept, F-ino Buysse kaj S-ro Hendrickx kaj la resto de la programo estis plenigata de la teatra sekcio de la grupo.

Lundon, la 26an, komenciĝis nova elementa kurso en Belgiëlei, denove gvidata de S-ro L. De Marré. Ĝi plene sukcesis : 35 gelernantoj enskribiĝis. Samtempe S-ro M. De Ketelaere komencis perfektigan kurson por kiu sin anoncis dek lernantoj.

La 30an, S-ro H. De Roover faris belan paroladon pri « Nia biciklа vojaĝo tra Nederlando ». Per amaso da lumbildoj li skizis kelksemajnan ekskurson plenan je aventuroj en kompanio de siaj familianoj kaj havigis al la ĉeestantoj, per sia bonstila Esperanto, agrablajn momentojn Antaŭvide al la U.K., kolorigita filmo pri « Gento » estis prezentata.

La 6an de februaro, S-ro Fr. Schellekens kun pluraj kunlaborantoj prizorgis la parolatan ĵurnalon laŭ tre moderna stilo. Dum la filmrubriko, kolorigita filmo pri « La Helikopteroj » estis prezentata, kies tekston tradukis S-ro L. De Marré.

La 13an, S-ro Eug. Paesmans montris kolorigitan filmon kaj lumbildojn pri sia vojaĝo al Grekujo kaj ilin sprite kaj klare komentariis dum interesega parolado kiu vekis, varman aplaŭdon de la publiko.

La 20an, la verdstelanoj vizitis la Pulĉinelan Kelon. Ili konkludis la vesperon en agrabla ĝojo apud bona glaso da biero. Du libroj estis forlotumataj kaj S-roj F. Schellekens kaj J. Verstraeten prizorgis la plenhumoran prologon.

La 27an, la 5a serio de « Tra la Mondo » temis pri « Italujo ». Estis tiom da kunlaborantoj ke oni devis prokrasti diversajn verkojn ĝis la sekvonta kunveno. S-ro L. De Marré per belege kolorigitaj diapozitivoj, S-ro H. De Roover per filmstrio, F-ino H. Hofkens per tutspeciala aldono kaj S-ino R. Lecat per bonhumora kaj aventurplena raporto pri iama vojaĝo tra Italujo, konigis laŭvice la belaĵojn de tiu mirinda lando, dum S-ino De Backer forlotumigis belan pulĉinelon, kiun ŝi donacis al la grupo.

La 6an de marto, kunlaboris diversaj membroj al la parolata ĵurnalo. Estis ankaŭ daŭrigata raportado pri « Italujo » : S-ro R. Van Eynde montris filmstrion pri la nord-orienta flanko de tiu lando kaj el amaso de poŝtkartoj, havigitaj de nova lernantino S-ino Offergeld, la Prezidanto S-ro Maur. Jaumotte elektis parton pri Venecio, kiun li vigle komentariis.

La 13an, S-ro R. Van Eynde prizorgis brilan filmvesperon kun ses belaj filmoj pri Kanado, kiujn la multnombra ĉeestantaro vere admiris. Sekvis ankoraŭ projekcio de plia filmo pri la helikopteroj kaj aviadiloj.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, je la 20.15a h. (1a etaĝo).

**Aprilo :** La 3an: Parolado pri « La Junulargastejoj, naciaj kaj internaciaj » kun filmo kaj lumbildoj de S-roj Defossé kaj Verhoeven; la 10an: Kabareta Vespero; la 17an: Filmvespero de S-ro R. Van Eynde; la 24an: Parolado de S-ino R. Lecat pri « Doktoro Albert Schweitzer ».

**Majo :** La 1an: Pro festotago: NE KUNVENO; la 8an: Distra Vespero, gvidota de S-ro R. Jaumotte; la 15an: Radiofona teatrajo; la 16an, 17an, 18an: 6a Beneluksa Kongreso en Haarlem; la 22an: Raportoj pri la Beneluksa Kongreso; la 29an: Tra la Mondo, 7a serio « Nederlando ».

**Junio:** la 5an: Parolata Ĵurnalo; la 12an: Filmvespero; la 19an: Solena diplomdisdono al gelernantoj de la Elementa Kurso; la 26an: Radiofona teatraĵo.

**Gratuloj.**

Al S-ro Roger Jaumotte, rezervoficiro, okaze de lia promocio je la grado de unua leŭtenanto.

BRUĜO

**Bruĝa Grupo Esperantista**

(Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

La nova jaro komenciĝis por la grupo per la kunveno de la 6a de januaro kaj la festado de la Tri Reĝoj. Kuko proponita de S-ino Poupeye estis distranĉata kaj la enbakita fabo indikis kiel reĝon S-ron L. Danneels, kiu siavice elektis kiel reĝinon F-inon Y. Poupeye. Sub ilia regado kaj dum la trinkado de bongusta glaso, la vespero plej agrable forpasis.

Dimanĉon, 11-an, je la 11-a antaŭtagmeze, okazis eksterordinara kunveno, sub la aŭspicio de la Bruĝa E.K.I. por la du lokaj grupoj. S-ro. Maur. Jaumotte, Prez. R.B.L.E. estis la gasto de la grupo. Post enkonduka vorto de S-ro Ch. Poupeye, la gastparolanto tuj prezentis dum tuta horo kaj laŭ sia kutima elokventa maniero, vastan planon por kunlaborado de ĉiuj lokaj gesamideanoj al la « Organizo de la 45a U.K. en Bruselo dum 1960a. » Lin dankis S-ro F. Roose, prezidanto de la grupo « Paco kaj Justeco » kaj de la Bruĝa E.K.I. Sekvis interesa debato pri la sama temo.

Unua numero de la parolata gazeto aperis la 13an kun diversaj kontribuoj de S-ro Ch. Poupeye: Komentariata eltirajo el la romano « Nevels over 't Moerven » de Valère De Pauw; F-ino Y. Poupeye pri « Deveno de la nomoj de la kontinentoj », kaj S-ino Poupeye « Humoraĵoj ».

La 20an okazis la ĝenerala jarkunveno. Estis prezentataj: Morala raporto, de la prezidanto; Raporto pri la grupa agado, de la sekretariino; Financa raporto, de la kasistino, ĉiuj aprobataj per aplaŭdoj. La ĉeestantaro aprobis la administradon dum la pasinta jaro kaj reelektis entute la elirantan komitaton: (Prezidanto Sro Ch. Poupeye; Gevicprezidantoj: F-ino A. Boereboom, S-ro D. Demeulenaere kaj S-ino S. Verbeke; Sekretariino: F-ino Yol. Van Parys; Kasistino: F-ino Is. Van Parys; Helpaj sekretarioj: S-roj R. Lagast kaj R. Behaeghel, tiu lasta samtempe bibliotekisto). Programo pri estonta agado estis komunikata kaj diversaj petoj kaj proponoj de la membroj ekzamenataj. La organizo de kongresa ŝparkaso estis ankaŭ decidata.

Prelego pri « Giacomo Puccini, ilustrita per disaŭdigo de surdiskaj eltirajoj el « La Bohème » kaj « La Tosca », estis prezentata, la 27an, de F-ino S. Manteleers, kiu akiris meritItan sukceson.

La 3an de februaro estis detale priparolata la kunhelpo al la organizo de la U.K. dum 1960a.

« Belga Esperantisto » estis laŭtlegata kaj komentariata dum la kunveno de la 10a.

La 17an komenciĝis la organiza laboro por la balo de la 7a de marto kaj post tio S-ro R. Behaeghel prezentis tre interesan paroladon kun lumbildoj pri « Interplanedaj Vojaĝoj ». La paroladanto sukcesis prezenti tiun tehnikan subjekton laŭ tre agrabla kaj komprenebla maniero.

Plia eldono de la Parolata gazeto aperis la 24an, kun kontribuoj de: F-ino M. Willems: « La vivodaŭro de la bestoj »; S-ro M. Poupeye: « Humorajoj pri Asekuro »; S-ro Ch. Poupeye: « Internacia enketo per Esperanto pri la stigmatulino Tereso Neumann »; kaj S-ro R. Lagast: « Letero el orienta Berlino ».

La 2an de marto okazis la jarkunveno de la Bruĝa E.K.I. La komitato ĝis la jarkunveno de 1960a estis kunmetata jene: Prezidanto S-ro Ch. Poupeye, prez. B.G.E.; Vicprez. S-ro F. Roose, prezidanto de P. & J.; Kasistino: F-ino Is. Van Parys, kasistino de B.G.E.; sekretario: S-ro Dumarey, de P. & J. La ĉeestantoj ĉefe priparolis la kunlaboradon de la du grupoj sur la kampoj de la Zamenhofjaro kaj de U.K. 1960a.

La kunveno de la 3a estis preskaŭ entute dediĉata al preparaj laboroj al la balo de la 7a de marto.

Krom tio, leciono de la elementa kurso estis donata dum la unua horo de preskaŭ ĉiu marda kunveno.

**Programo de la venontaj kunsidoj:**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », placo Simon Stevin, 2. Tel. (050)314.59, post la ĉiusemajna leciono de la elementa kurso kaj poste de nova progresiga kurso:

**Marto:** 10an: Raportado pri la balo de la 7/3; 17an: Konkursludoj sub gvidado de S-ro R. Behaeghel; 24an: Legado de B.E.; 31an: Parolata gazeto.

**Aprilo:** 7an: Kanta vespero; 14an: a) Dikto; b) Kartludado; 21an: Debato: La nuntempa modo; 28an: Parolata gazeto.

**Majo:** 5an: Raportado pri la kermesa foiro; 12an: Lastaj aranĝoj por la Beneluksa Kongreso en Haarlem; 19an: Raportado pri la Beneluksa Kongreso de Haarlem; 26an: Parolata gazeto.

**Gratuloj.**

Al S-ro Robert Pannier, membro de B.G.E., okaze de lia edziĝo kun F-ino Maria Wentein (29-1-59).

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**

(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)

La 5an de januaro, okazis la kutima parolata ĵurnalo; gajnis la premion.

S-ino Baudour, per intima rakonto; la 12an, S-ino Ernst legis gajajn rakontojn atente aŭskultitajn; la 19an, S-ro van der Stempel daŭrigis sian perfektigan kurson ĉiam agrablan; la 26an Generala Jarkunsido: ni aŭskultis diversajn raportojn kaj estis elektata la nova komitato: Prezidanto: René Jacobs; Vic-Prezidantino: Marguerite Weyn; Sekretariino: Rosette Huysmans; Help-Sekretario: Marcel Jirousek; Kasisto: Jean Oleffe; Bibliotekisto: Maurice Nanquette; Teknikisto: Pierre Piron; Arkivistino: Elly Staes; Kursgvidanto: D. van der Stempel; Kursgvidantino: Rose Jacobs; Festestro: Louis Baudour: Punisto: Raymond Wuyts.

La 2an de februaro, S-ino Baudour denove akiris la premion de la Parolata ĵurnalo; la 9an, dank'al kunlaboro de S-ino Staes kaj de S-ro Ross, nia teknikisto Pierre Piron samtempe vidigis kaj surbendigis tri filmojn pri Brabanto. Estis preparlaboro por la U.K. 1960 en Bruselo.

Dimanĉon, la 15an, E.K.I. Zamenhofa Festo, en Berkemo, kunlabore inter Befa, Mem, Monda Palaco, Naturamikoj, Sat-Amikaro, kaj nia Grupo. La duhora programo kontentigis ĉiujn, same kiel la manĝeto kaj dancado kiuj sekvis. La spirito estis amika kaj kunlabora. La 16an, sekvis plia Perfektiga Kurso de S-ro van der Stempel. La 23an, ĉe « le Roi des Moules », komuna kaj gaja Mitulvespero, kun humoraj rakontoj.

La 2an de Marto: translokiĝo al nova kunsidejo: MONICO NORD, placo Rogier, en la centro de la urbo, facile atingebla de ĉiuj. Post la prezidanta bonvenigo al la gemembroj kaj al la gelernantoj de la elementa kaj konversacia kursoj, la kutima parolata ĵurnalo okazis kun multega ĉeestantaro. Venu regule kaj multnombre al nia nova sidejo.

**Denaskiĝa esperantisto:** la 12an/2/59, filo naskiĝis en familio Brouwer, ĉe la filino de nia Kasisto, S-ro Oleffe, kiu membrigis tuj la junan Thierry Brouwer. Gratulojn al la gepatroj kaj al la ge-Oleffe.

**Programo de la venontaj kunsidoj:**

Ĉiulunde, je la 20a h., en la etaĝo de hotelo Monico Nord, 2, rue de Brabant (place Rogier), Bruselo Ia, tel.: 15.26.01.

**Aprilo:** 6an: Parolata ĵurnalo; 13an: Parolado de S-ro Felix Swinne: « Gaja



Scienco: Komitatologio »; 20an: Perfektiga Kurso, fare de S-ro David van der Stempel; 27an: Konkurso Bas: « Kiamaniere mi esperantiĝis ».

**Majo:** 4an: Parolata ĵurnalo; 11an: Parolado de S-ino Elly Staes (eble kun filmo): « Malnovaj Farmacioj »; 18an: Brusela partopreno al Beneluksa Kongreso en Haarlem; 25an: Konkurso Bas: « Kiamaniere mi esperantiĝis » (sekvo).

**Junio:** 1an: Parolata ĵurnalo; 8an: Parolado de S-ino Rena Lecat: « D-ro Schweitzer »; 15an: Perfektiga Kurso, fare de S-ro David van der Stempel; 22an: Konkurso Bas: « Kiamaniere mi esperantiĝis » (sekvo); 29an: Disdono de la kursaj Diplomoj.

**Kursoj:** elementa: en Ateneo Robert Catteau, ĉiumarde, je la 19a; konversacia: en nia sidejo, ĉiulunde, je la 19a h. Diskonigu tion kaj varbu gelernantojn!

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista.**

La 7an de Januaro okazis la ĝenerala kunsido. La prezidanto esprimis sian kontentecon pri la rezultatoj atingitaj dum la jaro 1958. Dum la nuna jaro, daŭros la antaŭenirado de la grupo ĉar pli ol 50 efektivaj gemembroj estas jam enskribitaj, inter kiuj du alilandaj gemembroj: S-ro Bruno Vogelmann (sekretario de la germana Esperanto-Rondo de Crailshem) kaj la juna fraŭlino Janice Mc Lennan (filino de S-ro Mc Lennan, delegito de U.E.A. kaj « nevino » de nia kasisto S-ro Devillez).

Ĉe la elekto de la nova komitato, S-roj Georges de Cuyper kaj Raymond Paulus estis reelektataj respektive kiel prezidanto kaj sekretario. Du novaj komitatanoj estis elektataj: help-sekretariino: F-ino Andrée Orsolini kaj kasisto: S-ro Marcel Devillez.

Estis decidite ke, denove, la malnovaj membroj kunvenos en Marchienne, ĉe la sekretario S-ro Paulus. Koncerne la nunan elementan kurson, ĝi daŭros en la lernejo de « La Digue ».

La 16an, Fratino Jean (religiulino), memlernintino kaj membrino de la grupo, malfermis nedevigan elementan esperantokurson en sia lernejo en Ransart. Tiu kurso estas sekvata de dek junaj lernantinoj el kiuj ok jam aliĝis al la grupo.

La 2an de Februaro, nia prezidanto vizitis la novan kurson de Ransart kaj gvidis mem provlecionon. Plezure, li rimarkis la fervoron kaj la entuziasmon de siaj aŭskultantoj. Tio esperigas por la grupo, baldaŭan kernon en Ransart.

La 3an, okazis unua kunveno de la nova komitato. Post la bonvenigaj paroloj de la prezidanto al la du novaj komitatanoj, oni detale pririgardis la diversajn punktojn de la tagordo. El la nombraj projektoj: La malnovaj membroj estos invitataj redakti ili mem, kune, plej taŭgan novan lernolibron por gvidi la proksimajn grupajn kursojn; Organizo, dum proksima septembro, de Esperanto-Ekspozicio en Charleroi.

La 17an, sub la gvido de la prezidanto, la « malnovuloj » skizis la ĉefpunktojn de projekto de nova lernolibro.

La 24an, eklaboro de la nova lernolibro.

La 27an, okazis en salono de la Urbdomo de Charleroi, la prelego kun lumbildoj de nia prezidanto pri la Kastoroj. Tiu prelego plene sukcesis; la multnombraj aŭskultantoj aplaŭdis la preleginton.

Programo de la venontaj kunvenoj

Ĉiun lundon: kurso de la sekcio de Ransart.

Ĉiun mardon: perfektiga kurso en Marchienne.

Ĉiun merkredon: elementa kurso en la lernejo de Charleroi.

Dum Marto: projekcio de lumbildoj pri Hiroshima.

Dum Aprilo: prelego kun lumbildoj pri Indo-Ĉinujo.

**Gratuloj.**

— Al S-ro Louis Bray, kiu varbis la plej grandan nombran de gemembroj dum la lasta jaro. Li ricevis kiel premion: « Vivo de Zamenhof » de Privat.

— Al S-ro Devillez, kiu ricevis la premion de diligenteco (diskon esperantlingvan). La prezidanto transdonis ankaŭ al li la diplomon pri elementa kapableco.

LIEGO

**Lieĝa Grupo Esperantista.**

Sabaton la 7-an de februaro okazis en Lieĝo, en salono de la kafejo « Prince de Liège », strato Général Jacques, 12, la jara kunveno

Post ekzameno de eventuala programo por la Zamenhof-Jaro, oni pritraktis la estontecon de la grupo kaj la renovigon de la komitato.

S-ro Desonay, pro malsanecaj motivoj, petis ke oni ne reelektu lin kiel prezidanton. Li tamen restos membro de la grupo, kies unu el la fondintoj li estas. Cetere S-ro Desonay estas dumviva membro de R.B.L.E.

Fine la nova komitato estis jene starigata: Prezidanto: S-ro Jos. Soveur; Vic-prezidanto: D-ro Pol Denoël; Sekretariino: S-ino Grisard; Kasisto: S-ro Henrion; Komisario pri eksterGrupaj aferoj: S-ro M. Guyot.

12, la jara kunveno.

# Recenzoj

Paul Benneman " **Miru ! Pensu ! Ridu !** eld. " **Heroldo** " de S-ro. Teo Jung ; 1950 Harstenhoekweg Scheveningen Nederland. 240 p. Prezo : 6 Nederl. Guld.

Miru ĉar tiu libro ne estas jam delonge elĉerpita ! Pensu ke la enhavo estas plej interesa kaj plej varia. Oni povas pasigi duonan vintron per la legado de la multaj kuriozaĵoj pri nia korpo, pri la universo, pri libroj, matematiko, tekniko ktp. ktp. Ridu pri la tutmonda tre ampleksa anekdotaro. Komencantoj el niaj kursoj : vi demandas ne-malfacilan, distran legaĵon por plenlerni la lingvon ? Jen la ideala libro. Multaj grupoj ne scias kiamaniere havi programon por la kunvenoj. Jen la ideala libro.

* * *

S-ino Consuelo de Sanchez-Latour : " **Esperanto tra la Mondo** "

Jen tre ampleksa libro de 560 paĝoj. En unua parto troviĝas artikoloj pri ĉio koncerne Guatemalon : ekonomio, Maja-kulturo, ŝtatstrukturo ktp. ktp. En dua parto S-ino Consuelo publikigas tre grandan nombron de leteroj de korespondantoj. Post ĉiu Esperantlingva artikolo sekvas la traduko en Hispana lingvo. Fakte la aŭtorino demandis al tiuj korespondantoj por ion skribi pri sia lando. La plej granda parto skribis nur leteron kun kelkaj sciigoj pri sia lando, ĉu pro tio ke ili ne havis tempon, ĉu pro tio ke ili ne kredis ke la granda projekto de la aŭtorino iam povus efektiviĝi. Kaj tiu inerteco aŭ malfido estas ege bedaŭrinda. Kiom riĉenhava dokumento povis esti tia libro ! Jam nun ĝi estas tre interesa. Bedaŭrinde estas sufiĉe multe da preseraroj. Por nia lando estas nur unu letero. Presita sur bona papero, ĝi estas ornamo por la biblioteko, kaj ni certe rekomendas ĝin. Per Esperanto S-ino Consuelo konatiĝis al ni sian landon ; kaj per la tradukoj en Hispana lingvo, ŝi konvinkos siajn samlandanojn pri la granda valoro de Esperanto.

F. C.



## Esperanto kaj Filatelio.

En unu el niaj antaŭaj numeroj ni presigis artikolon kun sama titolo.

Pri ĝi ni ricevis, antaŭ iom da tempo jam, leteron de S-ro Felix Epstein, komitatano de U.E.A. loĝanto en Hamburgo kaj kiu atentigas nin pri la jeno :

1) pri 2 : Brazilujo : la trie menciita marko aperis ne en 1937, sed jam en 1936.

2) pri 5 : Ruslando : mankas : 1930 (Michel-katalogo V. 393) : 3 rubloj flave-verda kaj nigre-bruna, Elektro-farejo (akvobarilo) Volchov (kun Esperanto-teksto).

3) tute mankas la 2 markoj de Triest, regiono B (Michel-katalogo N° 103 kaj 104) : estas la samaj markoj kiel tiuj de Jugoslavujo, sed kun la surpreso : STT Vujna.

Kun danko ricevita kaj kun plezuro presigita en nia revuo !



**Korespond-adresoj :**

BENJAMINAS KUDIRKA, Ragučio 39-2, KAUNAS 8 Litova SSR altlerneja studento litova deziras korespondi pri junulara vivo, sporto, muziko kaj literaturo kaj interŝanĝi bildkartojn, poŝtmarkojn, turismajn libretojn kaj ĵurnalojn.

EMERIKO KRISTOF, gimnazia profesoro, 28 jara, Kabok Lajos strato, 46, III, 12/A GYOR, Hungario deziras flandran korespondantinon, prefere pri lingvoj kaj kolektas bildkartojn.

PAUL WEYDA, Urbestro Stuttgart - Rot, Ouricherstr. 47/Eg, Germania — 38 jara deziras korespondi kun flandra samideano.




Denove la redakcio disponigis al ni iom da loko en la revuo por la angulo de la serĉemuloj. Ĉar kelkaj plendis pri la malfacileco de la antaŭa enigmo ni ĉi-foje donas pli facilan taskon. Tiel ĉiuj estos kontentaj.

Ĉi-tiun monaton oni solvos ciferenigmon. La solvo, kiu enhavas iom da praktika filozofio, konsistas el 112 literoj kiuj estas numeritaj de 1 ĝis 112. La literoj estas troveblaj helpe de la sekvantaj ŝlosilvortoj :

10 . 41 . 3 . 63 . 14 . 20 . 87 . 38 . 98 . 71 . 18 . 16 = kontraŭuloj
6 . 34 . 11 . 52 . 95 . 82 . 109 . 111 . 18 = doktrino kiu samigas materio kun forto.
13 . 90 . 32 . 27 . 73 . 17 . 1 . 78 . 83 . 40 . 53 = klaso de animaloj kies ĉefaj genroj estas kovritaj de dornoj.
70 . 45 . 36 . 5 . 64 . 20 = nevola forta streĉo de la muskoloj.
77 . 94 . 72 . 100 . 19 . 42 . 28 . 86 . 105 . 58 . 45 . 43 . 12 . 18 = geometria sesedro randita de 6 paralelogramoj.
23 . 93 . 92 . 4 . 27 . 102 . 112 . 46 . 89 . 65 = akcesoraj objektoj de vestajaro kaj tualeto.
108 . 75 . 11 . 3 . 20 . 41 . 83 . 97 . 56 . 35 . 24 = domhava loko kie trupoj instaliĝas por iome restadi.
69 . 44 . 89 . 2 . 88 . 110 = pro ofica devo ĉeesti por helpi al iu.
80 . 9 . 26 . 101 . 57 . 73 . 74 . 15 . 68 . 47 . 65 = kolekto da prozaj kaj poeziaj pecoj, kompilita laŭ pedagogia, instrua vidpunkto.
30 . 99 . 66 . 106 . 91 . 104 . 67 . 59 . 40 . 31 . 18 = optika instrumento, per kiu oni vidas reliefe la en ĝi enmetitajn bildojn.
29 . 103 . 50 . 94 . 76 . 60 . 85 . 3 . 107 = speco de pafarko.
54 . 7 . 37 . 49 . 21 . 84 . 87 . 96 = regnestro konsiderata kiel plej altranga, plej potenca kaj supera al ĉiuj.
61 . 55 . 81 . 32 . 39 . 79 = bolinta akvo kun potaso aŭ sodo.
48 . 22 . 51 . 86 . 62 . 8 . 33 . 104 . 25 = kortbirdoj pli grandaj ol kokoj.



## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo" Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)

---

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25, Presaĵoj — Tel. 33 75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Lge Gasthuisstr. 6. Ŝuoj — Tel. 32.62.86
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32 67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en taĝĵurnaloj. — Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68, Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37 88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81 48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59
**« In 't Duifken » (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60: Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. — Tel. 39.17.09

### Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

DRUKK. H. DE BAENE-SERCU, DELAPLACESTRAAT, 3, SINT-KRUIS – TEL. 346.36